2.ª Ep. AÑO VI N. 31 (167) - MAYO - JUNIO 1968




# MADRID KONGRESURBO POR 1968

Tre proksima al la Kongresejo situas parko El Retiro, kie vi povos ĝui refreŝigan aeron apud la lageto, kaj samtempe admiri la monumenton al Alfonso la XIIª

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.º ZARAGOZA

Redacción y Administración:

Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.

Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.

Ĉekkonto: n.º 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.



*DONATIVOS PARA BOLETIN* - 1968

| | | |
|---|---|---|
| L. Minnaja, Roma (Italia) ... | 300 | Ptas. |
| J. Arroyo, Cartagena ... ... | 50 | » |
| F. Alsina, Barcelona ... ... ... | 50 | » |
| M. Alsina, Barcelona . ... ... | 50 | » |
| J. Roig, Barcelona ... ... ... | 50 | » |
| C. Segura, Barcelona ... ... | 25 | » |
| M. Manteca, Benidorm ... ... | 50 | » |
| M. Manteca, Icod de Vinos | 50 | » |
| A. Pastor, Bilbao ... ... ... ... | 100 | » |
| A. Menéndez, J. Ordieres y S. Mulas, Gijón ... ... ... | 40 | » |
| R. Gisbert, Barcelona ... ... | 50 | » |
| M. Ruiz Maza, Madrid ... ... | 100 | » |
| V. Ortiz, Zaragoza ... ... ... | 50 | » |
| P. Moreno, Madrid ... ... ... | 50 | » |
| M. Esteban, Zuera ... ... ... | 27 | » |
| Familia Criach, Sabadell ... | 150 | » |
| C. Ezquerra, Barcelona ... ... | 150 | » |
| A. Alonso, Pontevedra ... ... | 100 | » |
| J. Figueras, S. Esteban Bas | 26 | » |
| J. Perarnau, Tarrasa ... ... | 850 | » |
| L. Bernaerts, Bélgica ... ... | 60 | » |
| A. Núñez, Pamplona . ... ... | 100 | » |
| J. Zubizarreta, Eibar ... ... | 40 | » |
| Grupo *Stelo de Paco*, Barna. | 100 | » |
| A. Bohigas, Barcelona ... ... | 25 | » |
| A. Roca, Barcelona ... ... ... | 25 | » |
| D. Brugués, Barcelona ... ... | 25 | » |
| R. Roca, Barcelona ... ... ... | 25 | » |
| M. Solá, Tarrasa ... ... ... | 50 | » |
| J. Salvá ... ... ... ... ... ... ... | 25 | » |
| J. López Plaza, Cullera ... ... | 400 | » |
| A. Enríquez, Rus ... ... ... ... | 75 | » |
| S. Arnella, Parets del Vallés | 1.540 | » |
| E. Herrera, Bilbao ... ... ... | 50 | » |
| | 4.858 | » |

## De Secretaría

Kiel anoncite en nia antaŭa numero de BOLETIN, ĉi jare la Ĝenerala kunveno de H. E. F. okazos en Madrid dum la 53a U. K. de Esperanto. Principe oni fiksis kiel daton la 9an de aŭgusto je la 5a posttagmeze en la Kongresejo.

Post la Eksterordinara Ĝenerala Kunveno de H. E. F., mi povas anonci al vi ke jam estas aprobita de la Superaj Instancoj la Artikolon aldonita al nia Regularo. Oportune oni disdonos novajn ekzemplerojn de nia Regularo.

Kiel vi ĉiuj scias la aldono de tiu Art. al nia Regularo estis por ebligi la fondo de Institucio per kiu oni pli bone povu disvastigi Esperanton kreante premiojn, ktp.

Malbona sciigo: De antaŭ unu jaro la Estraro de H. E. F. studis la eblecojn atingi la eldonon de Memoriga Poŝtmarkon okaze de la 53a Universala Kongreso, la 12-an de julio pasintjara oni prezentis petskribon. Sed... fine, pasintan semajnon, ni ricevis nean respondon.

Ni esperu sukcesi rilate la poŝtstampo.

Kartoj por la «Frateca Vespermanĝo» en Madrid la 9an de aŭgusto 1968, mendeblaj ĉe Víctor Ortiz, Blancas, 2, 6.º E. Prezo: 250 ptoj.

# LA HISPANAJ LINGVOJ

*L. Hernández*

Same kiel en la danco, ekzistas en Hispanujo, diverseco en la lingvoj. Mi intencas nun klarigi tiajn lingvajn diversecojn.

La hispanaj lingvoj estas kvar, dividitaj en du grupoj: la vaska aŭ *euskera* lingvo, kaj la grupo de tiuj nomataj romanikaj.

La origino de la vaska, rilate al la ceteraj lingvistikaj originoj, ankoraŭ ne estas klare difinita; ĝi havas nenian rilaton kun la grupo de romanikaj lingvoj kaj ĝi estas parolata en la Vaska Regiono kaj en la Norda parto de Navarra.

Ekzistas Akademio pri tiu lingvo, kies sidejo estas en urbo San Sebastián.

La ceteraj lingvoj parolataj en la duoninsulo (ankaŭ la portugala apartenas al la grupo), estas romanikaj aŭ latinidaj ĉar ĉiuj devenas de l' latino.

La latinidaj hispanaj lingvoj estas tri: La galico-portugala, la kataluna kaj la kastilia.

La galica kun celtika influo dividiĝis en du lingvoj, la propre nomata galica kaj la portugala. La unua estas parolata en Galico, kaj ĝi posedas mirindan lirikon same mezepoka kiel moderna. La portugala, nacia lingvo el Portugalujo, disvastiĝis pli poste tra la diversaj portugalaj kolonioj. Nuntempe ĝia ĉefa eksponento estas Brazilo.

La kataluna, kiu estas parolata ankaŭ en la Sudorienta parto de Francujo, limanta kun Katalunujo, disvastiĝis for de la katalunaj limoj prezentante diversajn dialektikajn formojn; ĉefaj el ili estas: la valencia, parolata en regiono Valencio la «mallorquí» kaj «menorquí», parolataj en Balearaj insuloj kaj la «ribagorzana», parolata en Ribagorza, pirenea zono inter Aragón kaj Katalunujo.

La plej grava el la hispanaj lingvoj estas la kastilia aŭ hispana, ĝi estas la oficiala lingvo de Hispanujo kaj de multnombraj landoj el Ameriko.

La kastilia lingvo prezentas ankaŭ diversaj dialektikaj formoj kiel, «bable» parolata en Asturias, la «leonés» de la zono Bierzo, la «extremeño», «andaluz», «murciano» kaj «aragonés».

La kataluna, kiel la galica kaj ankoraŭ en pli granda grado, havas gravan literaturon en la Mezepoko kaj rimarkindan renesanco, de la XIXa jarcento ĝis la nuntempo.

Sed la plej grava kaj universala hispana literaturo estas la kastilia, kiu oferas nesupereblaj modeloj en preskaŭ ĉiuj temoj.

# Santayana estis Hispano

*Jaime de Echanove Guzmán*

Ŝajnus senutile jesi ke Santayana (Jorge) naskiĝita en Madrido de hispanaj gepatroj, kaj kiu ĝis morte konservis sen forlaso sian unuan naciecon, estis kvarlatere Hispana verkisto. Sed ne ĉiuj scias tion kiam ili legas la verkojn de la universitata profesoro de Howard, verkitaj en perfekta angla lingvo sub la nomo George Santayana. Inkluzive dum sia vivo, en 1920, Santayana devis rektigi la kredon de sia amiko W. L. Phelps, kiu sincere kaj bonfide skribis ke li naskiĝis de Amerika patrino: «Ŝi estis hispana» —korektas Jorge Ruiz— kaj neniam ni interparolis angle.

Hispana diplomato, José M.ª Alonso Gamo, ĵus publikigis interesan kaj profundan libron pri Santayana, poeto. La libro titoliĝas: Hispano en Mondo: Santayana, kaj efektive, la unua parto estas dediĉata demonstri la hispanecon de tiu-ĉi filozofo kaj universala poeto, kaj la demonstro rezultas facila kaj evidenta. En tiel mallonga spaco ni ne intencas kondensi liajn argumentojn, kaj alie, ili estas nerifuteblaj. Tion atestas Santayana mem laŭlonge sia vivo milokaze. Tion diras ĉiuj kiuj lin konis.

Same ol la Kordoba Séneca parolis latine, la Andaluzia Averroes, arabe, kaj la Valencia Vives pilgrimis kaj prelegis en fremdaj Universitatoj, tiel la Madrida Santayana parolis angle kaj, kvankam parte influita de Anglo-saksa kulturo, la intimaj kaj profundaj radikoj de lia penso estis penetrataj de Hispanaj vivaj sukoj.
Ĉio-ĉi kvankam klara kaj videbla konvenas ke oni memorigu por ke plenumiĝu tio, kion diris la Franco Jacques Duron parte korektante la Usonan William James, kiu aldonigas Santayana-n «duone Hispana, duone Usona». Duron estimas ke li estis «pli certe Hispana ol Usona» kaj aldonas ke lia persono kaj lia talento ne estis liveritaj, sed pruntedonitaj de Hispanujo al Usono.

Oni ne intencas establi infanan diskuton. Universala talento apartenas iomete al la tuta mondo, kaj neniu neos ke Santayana, kvankam hispano, estis grandparte edukata en la Usona Kulturo, kiun li perfekte asimilis kaj ke li verkis tre elegante angle, ne sole sian filozofan prozon sed ankaŭ siajn poeziojn, kie li esprimis intimajn personajn korinklinojn. Nur temas restabligi la ekvilibron kaj memorigi ke finfine tiu verkisto universale fama estis Hispano, kiu, laŭ diras Alonso Gamo, «ĉiam li orgojle taksis kvazaŭ valora kaj neforgesebla privilegio, daŭre, esti Hispano».

Tia estis Santayana: Hispano en la Mondo. Esti tiel universala sendube senigis al li esti integre, aŭ por pli bone diri, pure hispana en sia lingvo en siaj ideoj. Sed liaj plej akraj kritikistoj malkovras la subteran vejnon de liaj hereditaj sentoj. Lia amiko Lionel Johnson dediĉas al li poezion, en kiu li nomigas lin «Ekzilata en Ameriko el lia propra Kastiljo, infano de la Sankta Avila» (Santayana, kvankam naskiĝita en Madrido estis de Avila deveno). Tiel lin konsideris ĉiuj en lia vivo, kaj tiel konfirms Santayana mem kiam li skribis al F. Ch. Nard: «Hispanujo okupos la lokon kiun ĝi havas en mia vivo. Tio estis ĉiam fundamenta fakto».

La hispaneco de Jorge Ruiz de Santayana estas nediskutebla fakto kaj la pruvoj favore al ĝi estas premigantaj. Oni ne intencas tion demonstri, nur ja rememorigi al la forgesemuloj. Hispanujo lin prezentis, laŭ diras Durán, same ol ĝi pruntedonis al la Mondo tiom da universalaj talentoj. Sed nun estas juste ke ĝi lin reakiru kaj lin aldonu al la nombro de ĝiaj kleraj pensuloj. La valora verko de Alonso Gamo efike kontribuas al tiu akto de justeco.

Trad.: *A. Núñez*

# *Solena Kunveno por prezenti la Romanon «SOLECO» de VICTOR CATALA (en Esperanto)*

La 16an de marto okazis solena kunveno por prezenti la romanon «Soleco», de Catarina Albert (Víctor Catalá), tradukita esperanten. Oni solenigis ĝin en la belega aŭdantarejo de la Centra Biblioteko, inda kadro por okazaĵo tiel grava por Katalunujo, kiel por la esperantista mondo.

La Esperanta Fako kaj la Literatura Fako de la Klubo de UNESKO-Amikoj, aranĝis tiun feston, en kiu ilia Prezidanto, D-ro Josep Serra i Ráfols devis fari la malferman paroladon, sed tion malebligis al li akcidento sen gravaj sekvoj. Tamen li sendis skribaĵon, kiun legis la Literatura Delegito S-ro Sala i Cornadó —tiun paroladon, pro ĝia intereso, ni reproduktas aparte en ĝia tuteco.

Tuj sekve parolis S-ro Francesco Vilá, konata poeto kataluna kaj granda esperantisto, pri «Esperanto en la nuntempo». Li klarigis per sia facilparolo la progresojn, kiujn faris tiu lingvo tra la mondo en ĉiuj branĉoj de la scienco kaj de la edukado, kiel ankaŭ en la komercaj rondoj. Li klarigis kiel funkcias la internacia organizaĵo U.E.A., kaj atentigis pri ĝiaj konsultaj rilatoj kun UNESKO. Fine li deklamis poeziaĵon el Victor Catalá katalunlingve, kaj tuj sekve ĝian tradukon en Esperanto.

Poste parolis al ni la tradukinto de la verko, S-ro Josep Ventura i Freixas pri la «Genezo de SOLECO». Li diris, ke li estas granda enamiĝinto je la verkaro de Victor Catalá kaj precipe je la romano «Soleco», kaj ke li, forte estimante la lingvon Esperanto kaj ties signifon, sentis de antaŭ multaj jaroj la neceson traduki tiun gravan verkon por ĝin universaligi pli, tial ke ĝi fakte estis tradukita al la lingvoj franca, itala, rusa, germana, kaj kelkaj fragmentoj aperis ĉeĥe. Sed nun, per tiu traduko esperanta, ĝia disvastiĝo estos multe pli ampleksa. Li aldonis, ke tiu penso ankaŭ timigis lin iom, ĉar tio ĉiam kunportas respondecon, kaj pro tio li klarigis, ke, esceptante la distancojn, ofte ŝajnis al li travivi la malbonajn momentojn travivitajn de D-ro Zamenhof, kiu, komence, kun sia projekto de lingvo tutmonda, devis batali kontraŭ tiom da malfacilaĵoj. Li dankis ankaŭ ĉiujn, kiuj, per sia kontribuo, ebligis realigi tiun taskon, kaj li finis sciigante al la ĉeestantoj gravan novaĵon, t. e., ke tiu ĉi verko estis adoptita de Hispana Esperanto Federacio, kiel memoriga libro de la Universala Esperanto-Kongreso, kiu okazos en Madrido je la monato aŭgusto nunjara.

S-ro Joan Triadú, fama kataluna verkisto, havis la afablecon kontribui ankaŭ al tiu ĉi festo. Li parolis pri «la Literatura Verkado de Victor Catalá». Li klarigis, ke ŝia verkado estis tre vasta, ĉar tiu aŭtorino havis multajn facetojn: poezion, romanon, novelon, teatron; kaj ke li konsideras, ke kie ŝi pli bone sukcesis estis ĉe la rakontoj. Li pensas, ke la granda graveco, kiun tiu aŭtorino atingis, estas la fakto, ke ŝi verkis ĉiam katalune, ĉar estante tiu ŝia denaska lingvo, povis ŝi lasi sian imagon laŭplaĉe fluadi, tiel ke ŝia forta personeco elfloru. Aldonis li, ke nun, tiun esperantan tradukon li konsideras granda bono por la kataluna belliteraturo, ĉar tiel oni povos koni ĝin tra la tuta mondo, kaj ankaŭ por Esperanto, ĉar ĝi riĉiĝas per granda belliteratura verko.

S-ro Joan Oller i Rabassa alparolis al ni pri «La aŭtorino de *Soleco* en ŝia intimeco literatura». S-ro Oller i Rabassa estas granda kataluna verkisto, kiu lastatempe publikigis biografion pri Victor Catalá. Li diris, ke malgraŭ lia longjara amikeco kun tiu aŭtorino, li ankoraŭ ne scias pro kiu mistero —ŝi, kiu naskiĝis en La Escala, tiu bela, mara vilaĝeto ĉe la klifa marbordo— preskaŭ ŝia tuta verkaro temis pri lokoj interne en la lando, kamparaj noveloj, sed montaraj... la afero de l' gusto estas mistero. Ŝi amis multe sian vilaĝon; ŝi ĉiam loĝis tie; ŝi amis la maron, sed kiam ŝi verkis ŝi pensis je la montaro. Ŝi prenis sian pseŭdonimon el persono de romano, kiun ŝi estis verkanta, kaj kiu nomiĝis Victor Catalá, kiam ŝi komencis subskribi siajn verkaĵojn per tiu pseŭdonimo, sed ŝi ne povis fini tiun romanon. Tiel S-ro Oller i Rabassa klarigadis al ni kelkajn detalojn pri tiu aŭtorino, per granda parolfacileco kaj kun iuj gutoj de la plej pura humoro. Tuj sekve li anoncis al ni, ke ĉeestas la kunvenon la fratino de l' omaĝatino; ke oni estis oferinta al ŝi la prezidantecon, sed ke ŝi preferis sidi inter la publiko. Tamen, ŝi petis, ke li danku la Klubon de UNESKO-Amikoj pro la organizado de tiu ĉi festo kaj la tutan ĉeestantan pu-

blikon. Tuj poste li volis doni respondon al la diroj de la antaŭaj parolintoj, kaj rilate al la parolado de la poeto Vilá, li diris, ke aŭskultinte ĝin, jam ne estis plu eble fari tiun mokrideton, kiun kelkaj nekonantaj Esperanton faras aŭdante pri ĝi. S-ro Vilá estis fininta tion, kaj ĉiuj ĉeestantoj konsciis, ke Esperanto estas io grava.

Pri S-ro Ventura Feixas, tradukinto de la verko, li diris, ke, konante lian zorgemecon kaj lian grandan esperantistecon, li estas certa, ke la traduko devas esti perfekta, kvankam li konscias, ke la traduko estis malfacila, ĉar la verko mem estas malfacila, kaj ke li estas tre kontenta pensi, ke dank' al Esperanto, tio estas jam universala verko.

Kaj rilate al la parolinta verkisto Joan Triadú, li estas akorda kun ĉio dirita; kaj li finas sian paroladon dankante ĉiujn.

S-ro J. Serra Gasulla, vic-prezidanto de la Klubo de UNESKO-Amikoj, fermis la kunvenon, sed antaŭe alparolis al ni dirante, ke vidante la agadon homaman kaj sindoneman de la geesperantistoj, oni sentis en la Klubo specialan estimon por tiu Departamento, kiu tiel efike laboras ĉiam por la plej bonaj interrilatoj inter ĉiuj popoloj.

Longaj aplaŭdadoj sekvis la paroladojn de ĉiuj oratoroj.

Ne necesas diri, ke estis grava tago por Esperanto en Katalunujo, ĉar ĉeestis personoj venintaj el la kvar provincoj por partopreni en tiu ĉi solenaĵo.

*Mari-An*



Parto de la Prezidantaro, S-ro José Ventura Freixas, tradukinto de Soleco, legas kelkajn vortojn pri la verko



Nova membro alvenos al la Hispana Esperanto Movado, Antonio Moya Tudela, naskiĝinta la 12-a de aprilo en Madrid.

Ĉu li estos muzikisto, ĉu vortaristo? Momente, li nur estas esperantisto.

Karan gratulon al la novaj gepatroj kaj geavoj!

## *Paroloj de D-ro J. Serra Ráfols adresitaj al la Solena Kunveno por prezenti la Esperanto-tradukon de la katalunlingva romano «Soleco»*

Estas kun bedaŭro, ke mi maleblas ĉeesti la hodiaŭan kunvenon. De unu flanko, mi perdas la honoron sidi apud la famaj personoj alparolontaj al vi; de la alia, la ĝojon aŭdi iliajn parolojn. Sed, malgraŭ ĉio, mi volas aliĝi al la kunveno per skribaĵo.

La rememoro pri Víctor Catalá tre vivas en mi. Kun ŝi mi ne multe parolis. Fakte, estis post la milito, kiam ŝi, kun grandaj malfacilaĵoj, klopodis rekunigi la kolekton da objektoj el Empŭries, kiujn ŝi estis kuniginta en sian hejmon, kaj kiuj estis al ŝi tre karaj; tasko, en kiu ŝin helpis Josep Colominas kaj mi. Ili estis pecoj, inter kiuj vekis en ŝi rememorojn pri la juneco kaj pri la familio: artaj pecoj, kiuj, sen ŝia dediĉemo kaj artista sentemo, estus perdiĝintaj en la manojn de anonimaj preterpasantoj. Kiam ŝi parolis pri ili, kaj per sia varma esprimo ŝi rimarkigis iliajn ĉarmojn, tiam malkaŝiĝis la desegna artistino, kiun alte proklamas la albumo, kiun Folch i Torres sukcesis, ke ŝi publikigu.

Nun kunvenas ni por solenigi unikan eventon: la eldonon, en Esperanto, de «Soleco», la plej fama el ŝiaj literaturaj verkoj, kies valoro, sendepende de skoloj kaj tendencoj, firmiĝas dum tempo pasas, kontraŭe al tio, kio okazas ofte kun aliaj verkoj, kiuj, aperante, havis grandan ekbrilon, sed kiu estingiĝis iom post iom, ĝis kiam ili fariĝis palaj cindroj antaŭantaj la plenan forgeson.

La traduko de «Soleco» esperanten, estas samtempe honoro por la helpa internacia lingvo kaj por la verko de Víctor Catalá. Tiu ĉi akiras la plej universalan el la esprimoj, kaj Esperanto enkorpigas ĉefan verkon en sian literaturan kolekton. Kaj refoje mi volas fari netranscendan komentarion pri la lingvo universala helpa, kiu interne de nia Klubo kunigas tiomajn kaj tiel valorajn adeptojn kaj simpatiantoj.

Disponi je universala esprimilo, estas jam nun, sed estos pli estonte, ne nur afero utila, sed ankaŭ afero necesa. Ni vidadas ĉie, kiel la lingvoj propraj de la plej variaj homaj grupo, ribelas kuraĝe kaj energie kontraŭ tio, ke ilin oni forgesu aŭ preterlasu. Ni vidas tion, same en landoj, kiujn oni nomas subdisvolviĝintaj, kiel Hindujo, ĝis aliaj, kiuj troviĝas en la avangardo progresa, kiel Belgujo. La nombro da lingvoj dotitaj de gramatiko, literaturo kaj aliaj atributoj de lingva matureco, pligrandiĝas, anstataŭ malpligrandiĝi pro la sorbado je la lingvoj havantaj limigitan aŭdantaron, fare de tiuj, kiujn parolas multaj milionoj da homoj. Antaŭ tiu kreskanta spontanea diversiĝo, nepre necesas disponi je neŭtrala lingva perilo, kiu povas, en okazo de bezono, komprenatiĝi ĉie kaj ĉies.

Antaŭ tiu fakto ekzistas diversaj vojoj sekvotaj, ekzemple, alpreni kiel universalan helpan unu el la grandaj lingvoj hodiaŭ mortintaj, kiujn en la estinteco parolis parto el la homaro, kiel la latinan. Ankaŭ adopti vivantan lingvon parolatan nun de homa multnombra aŭ limigita grupo. Fine, ellabori lingvon novan, kapablan kaj facilan, kiun ni povus nomi artefarita.

La unua solvo ŝajnas definitive flankenlasita, antaŭ la neforigebla komplekseco, kiun tiuj mortintaj lingvoj havas, kaj antaŭ la malfacileco ilin alfari al historiaj kaj sociaj cirkonstancoj tute malsamaj.

La alpreno de vivanta lingvo renkontas eble pli da malfacilaĵoj. Se ni rilatas al la grandaj lingvoj, grandaj nur en la senco esti parolataj de multaj homoj, la unua renkontata malfacilaĵo estas la ĵaluzeco vekota de tia alpreno, kiu implikus vole-nevole politikan superregadon fare de la lando aŭ landoj parolantaj tiun lingvon, super ĉiuj aliaj. Kaj se tiun baron oni povus transsalti, kion mi ne opinias ebla, tiaj lingvoj prezentas nombron da komplikaĵoj vidataj nur de la rigardantoj eksteraj. Se ni rigardas la lingvon nun en modo, la anglan, ni havas certe tre simplan gramatikon, sed apud ĝi malfacilegan fonetikon. Kaj se ilin analizas ni, antaŭ ĉiuj kaj ĉiu el ili, ni renkontos similajn malhelpojn. Eĉ oni pensis je la artefarita simpligo de tiuj lingvoj, ni memoru tiun Basic English kaj similajn aferojn, kiuj, solvante fakte nenion, signifus neakcepteblan distordon flanke de tiuj, kiuj lernis la aluditajn lingvojn el la lipoj gepatraj.

Se de la grandaj lingvoj ni pasas al la malgrandaj, t.e., al la lingvoj parolataj de homaj grupoj nemultenombraj, ni evitus certe la malfacilan barilon de la

# "DE" AŬ "DA"

Tre interesa artikolo aperas sub la supra titolo en «Revuo Esperanto - Aprilo - 1968» pri uzo de *da*.

Tamen mi suspektas ke la 5.ª ekzemplo «Mia onklo ricevas nur cent lirojn *da* rento», ne respondas al la kriterioj antaŭe proponitaj en la artikolo. Nome: «rento» estas ja nedefinita; sed se oni konstruas la frazon kiel sur la 2.ª ekzemplo, «Mia onklo ricevas renton *de* nur cent lirojn», oni vidas klare ke la nedefiniteco de «Rento» ne sufiĉas; kaj ankaŭ ke la vortoj «cent lirojn» ne signifas mezuron sed ja jes kvanton.

Miaopinie, en ĉi tiu ekzemplo estus preferinde uzi «*kiel*» anstataŭ *de* aŭ *da*.

Kiam mi kompletigis la ekzemplojn de la kontrolo, nur sur la 5.ª ekzemplo, instinkte, aŭtomate, senpripense kaj tute nature mi ne sekvis la proponitan solvon.

La multecon da apliko de la prepozicio «*de*» ni devas eviti por ke nia lingvo aperu kiel eble plej klara.

*E. M.*

36ª INTERNACIA KONGRESO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ

*Okazonta en Madrid en la kadro de la 53a U. K.*

*Sub la Alta Protektado de Sinjora Moŝto D. Ignacio Satrústegui*

PROVIZORA PROGRAMO

3a de aŭgusto vespere, Interkona Vespero.

4a de aŭgusto vespere, Solena Malfermo.

Dum la sekvantaj tagoj, krom la Kongresaj Laborkunsidoj, okazos Kunvenoj de L.I.B.E. kaj de Hispana Esperanta Aŭroro, vizito al la Nacia Blindula Organizaĵo, Oratora Konkurso, Ŝak-turniro, Arta Vespero kaj ekskurso al ESCORIAL kaj VALLE DE LOS CAIDOS.

Informoj ĉe sekretario de Organiza Komitato, S-ro Julio Osuna Fajardo, Avda. de Toreros, 49. MADRID-2.

politika superregado de unu grupo super la aliaj, ĉar neniu povus timi, ke adopti, ekzemple, la lingvon flandran, katalunan aŭ svedan, povus prezenti tian danĝeron; sed tio ne forigus la malhelpojn pure lingvajn prezentatajn de tiuj aŭ aliaj lingvoj.

Tiam aperas klare la tria solvo: tiu de lingvo ellaborita pensante ĝuste pri tiu afero. Lingvo adaptebla, pura, klara, facila. Oni diros, ke ekzistas pli ol unu; kaj ĝuste estas la malamikoj de tiu solvo, kiuj kompleziĝas prezentante longajn listojn da tiaj lingvoj. Sed ekzistas nerefutebla fakto, sendependa de ilia interna konstruo, kaj tio estas, ke la sola, kiu atingis veran universalan aŭdantaron, kaj kiu kontraŭstaris la pasadon de longaj jardekoj, estas tiu kreita de Zamenhof, Esperanto, malgraŭ ĉiuj malhelpoj, la vera persekutado, kiun en pli ol unu loko ĝi suferis, la rifuzo de oficiala subteno, kies ĝi estis viktimo. Esperanto persistis, kaj geesperantistojn oni feliĉe trovas ĉie en la mondo. Kunportitaj de tre humana idealo, penetritaj de vera apostola celado, la geesperantistoj daŭrigas ĉie ilian sindoneman taskon, kaj en la lokoj, kiel nia Klubo, kie oni vive sentas la problemojn de la universaleco, ni devas doni al ili ĉiun helpon eblan, kaj ni devas konsideri fiere kiel niajn realigojn tiun, kiun ni nun festas: la ekorpigon en Esperanton, de «Soleco».

## "DE" AŬ "DA"

Tre interesa artikolo aperas sub la supra titolo en «Revuo Esperanto - Aprilo - 1968» pri uzo de *da*.

Tamen mi suspektas ke la 5.a ekzemplo «Mia onklo ricevas nur cent lirojn *da* rento», ne respondas al la kriterioj antaŭe proponitaj en la artikolo. Nome: «rento» estas ja nedefinita; sed se oni konstruas la frazon kiel sur la 2.a ekzemplo, «Mia onklo ricevas renton *de* nur cent lirojn», oni vidas klare ke la nedefiniteco de «Rento» ne sufiĉas; kaj ankaŭ ke la vortoj «cent lirojn» ne signifas mezuron sed ja jes kvanton.

Miaopinie, en ĉi tiu ekzemplo estus preferinde uzi «*kiel*» anstataŭ *de* aŭ *da*.

Kiam mi kompletigis la ekzemplojn de la kontrolo, nur sur la 5.a ekzemplo, instinkte, aŭtomate, senpripense kaj tute nature mi ne sekvis la proponitan solvon.

La multecon da apliko de la prepozicio «*de*» ni devas eviti por ke nia lingvo aperu kiel eble plej klara.

*E. M.*

36a INTERNACIA KONGRESO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ

*Okazonta en Madrid en la kadro de la 53a U. K.*

*Sub la Alta Protektado de Sinjora Moŝto D. Ignacio Satrústegui*

PROVIZORA PROGRAMO

3a de aŭgusto vespere, Interkona Vespero.

4a de aŭgusto vespere, Solena Malfermo.

Dum la sekvantaj tagoj, krom la Kongresaj Laborkunsidoj, okazos Kunvenoj de L.I.B.E. kaj de Hispana Esperanta Aŭroro, vizito al la Nacia Blindula Organizaĵo, Oratora Konkurso, Ŝak-turniro, Arta Vespero kaj ekskurso al ESCORIAL kaj VALLE DE LOS CAIDOS.

Informoj ĉe sekretario de Organiza Komitato, S-ro Julio Osuna Fajardo, Avda. de Toreros, 49. MADRID-2.

politika superregado de unu grupo super la aliaj, ĉar neniu povus timi, ke adopti, ekzemple, la lingvon flandran, katalunan aŭ svedan, povus prezenti tian danĝeron; sed tio ne forigus la malhelpojn pure lingvajn prezentatajn de tiuj aŭ aliaj lingvoj.

Tiam aperas klare la tria solvo: tiu de lingvo ellaborita pensante ĝuste pri tiu afero. Lingvo adaptebla, pura, klara, facila. Oni diros, ke ekzistas pli ol unu; kaj ĝuste estas la malamikoj de tiu solvo, kiuj kompleziĝas prezentante longajn listojn da tiaj lingvoj. Sed ekzistas nerefutebla fakto, sendependa de ilia interna konstruo, kaj tio estas, ke la sola, kiu atingis veran universalan aŭdantaron, kaj kiu kontraŭstaris la pasadon de longaj jardekoj, estas tiu kreita de Zamenhof, Esperanto, malgraŭ ĉiuj malhelpoj, la vera persekutado, kiun en pli ol unu loko ĝi suferis, la rifuzo de oficiala subteno, kies ĝi estis viktimo. Esperanto persistis, kaj geesperantistojn oni feliĉe trovas ĉie en la mondo. Kunportitaj de tre humana idealo, penetritaj de vera apostola celado, la geesperantistoj daŭrigas ĉie ilian sindoneman taskon, kaj en la lokoj, kiel nia Klubo, kie oni vive sentas la problemojn de la universaleco, ni devas doni al ili ĉiun helpon eblan, kaj ni devas konsideri fiere kiel niajn realigojn tiun, kiun ni nun festas: la ekorpigon en Esperanton, de «Soleco».

## MADRID

*Liceo Madrileño de Esperanto*

S-ro R. Ibáñez, informas nin pri la konsisto de la nova estraro, kiu estis elektita la 25-an de januaro dum la Generala Kunveno de la asocio. Dum la Kunveno oni prezentis la laboron realigita kaj tiun realigota al la ĉeestantoj ĉiuj konsentis ke estas necese kunigi ĉies fortojn kaj senĉese kunlabori por ke la 53-a Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en Madrid estu plensukcesa.

Dum la Kunveno regis granda entuziasmo inter la Liceanoj kaj ĉiuj promesis sian kunlaboron.

ESTRARO

S-ro Angel Figuerola Auque, *Prezidanto*
S-ro Félix Gómez Martín, *Vicprezidanto*
S-ro José M.ª González Aboin, *Sekretar.*
S-ro Raimundo Ibáñez Crespo, *Kasisto*
S-ro Fernando Rodríguez Granes, *Kont.*
S-ro Antonio Moya Casado, *Bibliotekis.*
S-ino Flora Alvarez Rodríguez, *Voĉdon.*
S-ro Gerardo Flores Martín, *Voĉdonant.*

## ZARAGOZA

*«Frateco»*

El día 11 de febrero de 1968, celebró su reunión anual ordinaria, la sociedad esperantista FRATECO, bajo la presidencia del Excmo. Sr. D. Miguel Sancho Izquierdo, Presidente del Grupo y con asistencia de gran número de miembros de la misma.

Después de leída y aprobada el acta de la sesión anterior y de dar cuenta a los socios lo mismo de la labor realizada que del estado de cuentas, viéndose con satisfacción que se terminó el año con un balance positivo, se presentó la labor preparada para el año en curso.

El Dr. Sancho Izquierdo dirigió la palabra a los asistentes y les animó en la labor emprendida, diciendo que en este año en que se cumple el sesenta aniversario de la fundación de «FRATECO», todos debemos intensificar la labor de grupo, sobre todo en la difusión del Esperanto, fin para el cual fue fundada la sociedad.

El Sr .Marqueta tras saludar a los reunidos se ofreció a colaborar con la Directiva en la realización de la idea propuesta por ésta de organizar un ciclo de charlas en Esperanto y acerca del Esperanto, no sólo en Zaragoza, sino también en otras ciudades de la región aragonesa. Se acordó que la primera de estas charlas tuviera lugar el día 2 de marzo corriente, a cargo del Presidente, Dr. Sancho Izquierdo y que se hará coincidir la última con la fecha de la fundación o sea el 3 de julio próximo, día en que se celebrará un acto público de información y propaganda.

El Dr. Sancho Izquierdo dio cuenta de la marcha de los preparativos para la celebración del 53 Congreso Universal de Esperanto en Madrid.

Todos se ofrecieron con el mayor entusiasmo a colaborar para el mayor éxito de la labor a realizar.

Por medio de BOLETIN, esperamos poder seguir informando de lo que organicemos en Madrid.

## TURISMO KAJ ESPERANTO EN SABADELL

Imponan Ekspozicin de turismaj broŝuroj en Esperanto prunte ricevitaj de U.E.A., kiun la loka E-Klubo planis por digne celebri la Internacian Jaron de Turismo, oni kontraŭvole pretigis kun ioma prokrasto. La Ekspozicio, kiu estis inaŭgurata la 27-an de januaro kaj estis malfermita ĝis la 11a de februaro, pompis en luksa salono tiucela, apud



Gepartoprenantoj en la tradicia balo, okazinta la 24-an de februaro, ĉiujare organizata de la E.-Klubo de Sabadell.

la ĉiutage frekventata Aŭditorio de la urba ŝparkaso «Caja de Ahorros de Sabadell», pro kio granda nombro da vizitantoj povis admiri ĝin. Tian eventon oni prezentis sub la Prezidanteco de la Distrikta Vicdelegito de Turismo, S-ro Saña, kiu ĉeestis la inaŭguron en akompano de S-roj Martí kaj Ripoll, respektivaj reprezentantoj de la Urbodomo, Komerca Ĉambro kaj Kultura Fako de la Institucio «Caja de Ahorros de Sabadell». La vizitantajn aŭtoritatulojn komplimentis samideanoj Liberto Puig, FD. de UEA por Turismo en Sabadell kaj Ludoviko Serrano, sekretario de la loka E.-Klubo. Okaze de la Ekspozicio oni distribuis presaĵojn pri la Kurso de Esperanto per korespondado de H.E.F., kaj disvendis inter alie la vortarojn Tudela kaj Paluzie kune kun «Lernolibro de Esperanto» de Mimó.



Sabadell-aj gesamideanoj en konversacio kun la aŭtoritatuloj, okaze de la inaŭguro de Ekspozicio de turismaj prospektoj en Esperanto.

Cetere, el la kontakto kun aŭtoritatuloj kaj respondecaj reprezentantoj de Institucioj r e z u l t i s esperigaj perspektivoj por eldono en Esperanto de informa broŝuro pri Sabadell, kiun nun preparas por baldaŭa publikigo en kastila lingvo la u r b a Institucio Komerca Ĉambro. La Ekspozicion, kiel dirite, oni fermis la 11-an de februaro koincide kun projekcio de filmoj en kaj pri Esperanto, kiun prezenton ĉeestis esperantistaj klubdelegitoj speciale invitataj.

*Raportis* VELUS

---

# F R A T E C O

60 jaroj pasis de kiam la Esperanto - Societo de Zaragoza estis fondita

La veterana Esperanto-societo de Zaragoza, kiu dum la tuta jaro solenigas la 60an datrevenon de ĝia fondo pere de diversaj kulturaj aranĝoj, deziras festi ĉi tiun eventon ankaŭ kun siaj landaj kaj eksterlandaj geamikoj samideanoj; tial organizas en Madrid kelkajn aranĝojn dum unu el la tagoj de la Kongresa semajno.

La programo ne estas findecidita, sed ni jam povas anonci ke la 9an de aŭgusto okazos en Madrid, komuna «Frateca Vespermanĝo», omaĝe al la Prezidanto de la Grupo kaj samtempe Prezidanto de Hispana Esperanto Federacio, Lia Ekscelenca Moŝto Prof. Dro. Miguel SANCHO IZQUIERDO, veterana esperantisto.. Estas facile komprenebla la entuziasmo de la Frateco-anoj por briligi la eventon; FRATECO de Zaragoza, estas nura Esperanto-Grupo seninterrompe funkcianta ekde sia fondo je la jaro 1908.

La 2an de marto, kiel decidite, komencis la ciklo da prelegoj organizita por festi la sesdekan datrevenon de la fondo de FRATECO. De tiam la prelegoj sinsekvis regule kaj la intereso vekita de ili estas granda.

Ĉar ni komprenas ke en BOLETIN ne estas spaco por ke ni raportu pri ĉiu prelego aparte, ni nur mencios la nomojn de la ĝisnunaj prelegintoj kaj la temojn de iliaj prelegoj.

2-*an de marto.* — Prelegis D-ro. Miguel SANCHO IZQUIERDO, temo: LA HOMAJ RAJTOJ.

16-*an de marto.* — Fino. Herminia GIL, temo: MIA VIZITO AL PARIZO.

30-*an de marto.* — S-ro. Pedro MARQUETA ROY, temo: INTERKORESPONDADO EN ESPERANTO PERE DE SONBENDOJ.

21-*an de aprilo.* — S-ro. Salvador MORALES SADA, temo: ESPERANTO KAJ FILATELIO.

Nian gratulon al la Estraro de FRATECO pro la organizado, kaj nian koran dankon al ĉiuj prelegintoj.

Krom la Oficialaj Informoj, kiuj aperas sur la kovrilo de BOLETIN, ni deziras atentigi al vi pri la interesa programo de la Kongreso dividita en Kongresaj laboroj, Kulturaj kaj artaj programoj kaj Festoj.

Pri la Kongresaj laboroj, ni povas certigi ke la 53-a estos laboriga pro la nombro da Fakaj kunvenoj okazontaj, krom tiuj oficialaj de U.E.A.

La Kulturaj kaj artaj programoj estas ja interesaj: Oratora kaj Belarta konkursoj Internacia Somera Universitato, malfacila tasko tiu de ĝiaj organizantoj por elekti temojn inter tiuj prezentitaj, ĉiuj estas ja interesaj kaj la prelegontoj kiuj ilin prezentis, estas elstaraj esperantistoj veraj fakuloj en la tema prezentita.

4-a Internacia Arta Festivalo. Teatraj prezentadoj, partoprenos ĝin Internacia Arta Teatro kaj Bulgara Esperanto Teatro; Muzikaj prezentadoj partoprenos S-ro. Dupuis (pianisto) kaj Kantĥoro «Zaragoza»; okazos Varia Vespero kun partopreno de diversnaciaj artistoj, ktp.

Festoj. Interkona Vespero (laŭ mia plaĉo ĝi estas la plej simpatia festo), Solenaj Malfermo kaj Fermo de la Kongreso, Junulara Vespero, Bankedo, Kongresa Balo, kaj Ekskursoj.

Jen alia malfacilaĵo; Elekti kien iri. Ĉiuj estas tre belaj kaj ege interesaj.

Do, mi petas: Ne petu al mi konsilon pri la elekto, ĉar mia konsilo ne estus efektivigebla. Mia konsilo estus: Partoprenu ĉiujn!!!

Por ke vi konstatu ke mi pravas, ni prezentas al vi fotojn de vizitotaj lokoj.



edo: interno de preĝejo Sankta Maria la Blanka.



El Escorial.



La Alkazaro de Segovia maĵeste elstaras.



La Granja: Ĉefa salono de la Reĝa Palazo.



Aranjuez: Ĝenerala vidaĵo Meze la Reĝa Palazo.



Interne de la murego oni povas admiri urbon Avila, en la ekstera parto disvastiĝas.

## JACINT VERDAGUER (1845-1902)

La nacia poeto kataluna naskiĝis en vilaĝo Forgueroles, apud Vich, filo de humilaj kamparanoj. Li lernis en la Pastra Seminario de Vich, kaj fariĝis pastro en 1870. Jam kvin jarojn antaŭe, li estis atingita ĉe la Floraj Ludoj en Barcelona sian unuan premion, kiun li iris akcepti kamparane vestita kaj kun la «barretina», antikva kataluna kapkovraĵo. De post sia unua poemo, li senĉese verkis literaturaĵojn. En 1872, celante resaniĝon, li fariĝis pastro de unu el la ŝipoj de la «Transatlantika Kompanio». Dum siaj marvojaĝoj li konceptis la poemon «Atlantido», kiu aperis en 1877, lasante la poeton konsekrita. Atinginte resaniĝon, li finis siajn marveturojn kaj restis kiel pastro en la palaco de la Markizo de Comillas. En 1886 aperis la dua epika poemo de Verdaguer, «Canigó». Kiam li estis en plena gloro, en plena triumfo, komenciĝis por la poeto epoko de akraj intimaj ĉagrenoj. Li forlasis la markizan palacon. La eklesiaj aŭtoritatuloj translokigis lin al la preĝejo de La Gleva. En tiu epoko, li verkis unu el siaj plej belaj libroj, «Floroj de la Kalvario», multajn mistikajn poemojn kaj eĉ serion de artikoloj «En propra defendo", sur Barcelona ĵurnalo, defendante sin kontraŭ siaj malamikoj. Pri tiu epoko de la vivo de la poeto naskiĝis multaj legendoj kaj la popola fantazio multe sin okupis pri li. Ju pli da jaroj forpasas, des pli rezultas el ĉio la konkludo ke la granda poeto kataluna, kiel multaj aliaj similaj sjiritoj, ne sciis adaptiĝi al la realaj kaj prozaj aferoj de la vivo, kaj liaj puraj flugiloj falis sur la koton de la tero. Ĉirkaŭata de la amo de la popolo, li mortis kun rezignacio de sanktulo en la "Villa Joana" en Vallvidriera, apud Barcelona, la 10an de junio de 1902. Lia enterigo estis populara demostracio partoprenata de miloj kaj miloj da personoj. Pri la tragedio de «Pastro Verdaguer» verkis faman dramon («La mistikulo») la kataluna aŭtoro Santiago Rosiñol. Kiel memorigo al la alta poeto, staras monumento en Barcelona.

El ĉiuj verkoj de Verdaguer, mistikaj, religiaj, patriotaj, pri tradicio, k. t. p. distingiĝas la du aluditaj poemoj «Atlantido» kaj «Canigó».

## LA BLANKA LILIO



Por sceptro de reĝo
mi el tero naskiĝis,
por sceptro de reĝo
aŭ de reĝino.

El tiaj pasis mil,
sed ili volis ĝin el oro
aŭ el multekostaj perloj
sed, ve! unu post la alia
ĉiuj min surpaŝas.

Pasis Jesuo,
ame rigardas min
kaj vidante min tiel virga
kvazaŭ ĉielradio,
tiel virga kaj tiel blanka
kiel blanka rozo,
el tero li prenas min
kaj per sia Dia mano
ridante oferas min
por sceptro al Mario.

*Jacint Verdaguer*
*el kataluna trad.*
*Josep Alberich-Jofré*

# OFICIALAJ INTERNACIAJ ARANĜOJ EN HISPANUJO

Estas kelkaj samideano —landaj kaj eksterlandaj—, kiuj skribas al H. E. F. por demandi ĉu en Hispanujo okazos «Oficiala Antaŭkongreso». Laŭ iliaj skribaĵoj ili aŭdis ke *Oficiala Antaŭkongreso* okazos en Sevilla, Vigo, Valencia, Barcelona, Gijón, Málaga, Torremolinos... ktp. Ni bone konscias ke ili aŭdis pri la diversaj karavanoj, kiuj antaŭ aŭ post la U. K. en Madrid vizitos turisme nian landon.

Antaŭ la neebleco respondi al ĉiuj mi klarigos nun la aferon:

En Hispanujo *NE* okazos «Oficiala Antaŭkongreso»; U. E. A. organizis Seminarion en Gresillon (Francujo), antaŭ la okazigo de la 53-a U. K. en Madrid, kaj H. E. F. sekvas la indikojn de U. E. A.

Krome, de la 27-a julio ĝis la 3-a de aŭgusto, okazos en Tarragona la 24-a Internacia Kongreso de TEJO; kio por... «spiritaj gejunuloj» povos esti kiel Antaŭkongreso. Tarragona estas tre bela urbo de kie oni povas ekskursi al Barcelona, Montserrat kaj ĉiuj belegaj strandoj de la Mediteranea marbordo.

Do, en Hispanujo —oficiale— okazos: INTERNACIA KONGRESO DE TEJO EN TARRAGONA, de la 27a-7 ĝis la 3a-8; 53a UNIVERSALA KONGRESO EN MADRID, de la 3a ĝis la 10a-8; kaj OFICIALA POST-KONGRESO EN ZARAGOZA de la 11a ĝis la 16a-8.

Pri la 53a U. K. en Madrid, ne estas necese ke ni parolu ĉi tie; ĝi estas la celo de ĉiuj gesamideanoj vojaĝontaj al Hispanujo dum tiuj datoj.

La Postkongreso en Zaragoza celas esti ripozo por la menso kaj spirito de niaj gesamideanoj. Ili povos ĝui la belecon de niaj montoj dum la ekskursoj, la nekompareblan parkon de Monasterio de Piedra, la «mejana»-n navarra, vizitante Cascante kaj Tudela en nia najbara regiono, kie ili povos ĝui la gajecon de ĝia folkloro... kaj sur ĉio ĉi, la fratecan kunvivadon kun la zaragozaj esperantistoj.

Ĝis nun mi parolis pri la —ni diru— oficialaj aranĝoj; sed mi ankaŭ deziras mencii la VI-an Internacian Geografian Semajnon organizata, pro peto de la Prezidanto de Internacia Geografia Asocio, de la «Grupo Esperantista de Bilbao» en interkonsento kun H. E. F.

Ĝi estos ja interesa kunveno por fakuloj; la kavernoj de ALTAMIRA kaj tiuj de SANTIMAMIÑE estas tre belaj, kaj pri la sindonemo de la bilbaoaj esperantistoj, ne estas necese ke ni parolu. Ĝi estas de ĉiuj konata.

## VOJAĜI TRA HISPANIO ESTAS FACILE

Ĉi tiu estas la titolo de belega broŝuro en Esperanto, eldonita de RENFE (Nacia Reto de Hispanaj Fervojoj), okaze de la 53a Universala Kongreso de Esperanto okazonta en Madrid de la 3a ĝis la 10a de aŭgusto 1968.

Tial ke la broŝuro estas informiga kaj interesa por ĉiuj kiuj intencos viziti nian landon per fervojo, ili povos ricevi ĝin *senpage* de «Comisaría de Información y Relaciones Públicas de la RENFE», Plaza España - Torre de Madrid, 2.ª planta, MADRID-13.

Unu pluran fojon ni devas danki al RENFE pro la apogo donita al ĉiuj Esperantaj aranĝoj kaj speciale ni nun dankas la eldono de tiu ĉi belega kaj interesa broŝuro.

Vojaĝontoj al Hispanujo, mendu ĝin tuj al la supra adreso de RENFE; vi dankos nin pro la konsilo.

***RED***



# POSTKONGRESO EN ZARAGOZA

11-15 Aŭgusto 1968



Ne estas necese ke ni ripetu Generalajn Informojn, ili aperis en pasinta numero de BOLETIN, krome vi povos ilin ricevi en Sekr-ejo de H. E. F. Nun mi prezentos al vi provizoran programon.

11-8-1968

Matene: Forveturo de Madrid kaj vizito al Monasterio de Piedra (Ŝtona Monañejo) kaj ĝia mirindega parko, kie ni tagmanĝos.

Vespere: Alveno al Zaragoza kaj loĝado en la hoteloj; libera vespero por ke la partoprenantoj povu ankaŭ fizike ripozi.

12-8-1968

Matene: Ekskurso al fama monto MONCAYO (2.315 m.) kaj Tarazona, vizitante Monañejon «Veruela». Tagmanĝo en Tarazona. Posttagmeze vizito al Tudela (Navarra regiono) tra Cascante. FOLKLORA PREZENTADO.

Vespere: Alveno al Zaragoza kaj loĝado en la hoteloj.

13-8-1968

Matene: Vizito al la urbo kaj Akcepto en la Urbodomo.
Posttagmeze, libera por ke ĉiuj povu iomete fizike ripozi.
Vespere: Distra Vespero.

14-8-1968

Tuttaga ekskurso al la PYRENE-A Montaro. HECHO-SIRESA-OZA!!!

15-8-1968

Matene: Vizito al la urbo.
Posttagmeze: Libera.
Vespere: Komuna Vespermanĝo en tipa restoracio «EL CACHIRULO».
FOLKLORA PREZENTADO.

16-8-1968

Frumatene: Reveturo al Madrid. Tagmanĝo en PARADOR NACIONAL DE MEDINACELI.

---

La koloraj glumarkoj kaj poŝtkartoj de la Postkongreso, estas aĉeteblaj en Sekr-ejo de H. E. F., Avda. Marina Moreno, 35, 4.º ZARAGOZA (Hispanujo). Prezo: Folieto ses glum. 3 ptj., poŝtkarto 3 ptj.

---

Responde al la invito de la Prezidanto de H.E.F., Sinjora Moŝto D. Eugenio Casimiro López López. Nacia Estro de «Frente de Juventudes», akceptis la Honoran Prezidantecon de la 24-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO, okazonta en Tarragona.

# 24ª Internacia Junulara Kongreso de TEJO - Tarragona

**Okazonta en Tarragona de la 27.ª julio ĝis la 3.ª aŭgusto 1968**
**Sub la Alta Protektado de Sinjora Moŝto D. Eugenio Casimiro López López**
**Nacia Estro de «Frente de Juventudes»**

Karaj gesamideanoj:

Ni atentigas vin, ke la lasta limdato por aliĝi al la 24a I. J. K. estas la 30a de junio 1968. Post tiu dato la Loka Kongresa Komitato ne devas akcepti pliajn aliĝojn.

Tamen en esceptaj kazoj LKK rajtas akcepti ilin dum la monato julio, sed tiam la aliĝanto devos aldoni 2 dolarojn sendepende de la kotiza kategorio. Dezirante faciligi vian vojaĝon tra nia lando, LKK planas organizi privatan vagonaron de Barcelona ĝis Tarragona, por la kongresistoj. Tiel do, precizigu en via aliĝilo, ĉu vi uzos tiun vagonaron aŭ ne, ĉu vi uzos normalan servon aŭ ĉu vi alvenos dum alia tago.

Ankaŭ estas agrablaĵo por ni komuniki ke paralele al vizito-inaŭguro de la «HEF Restadejo Esperanto-Junularo HEJS», oni inaŭguros strateton de D-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof, kreinto de Esperanto. Tiu strateto troviĝas tre proksime de la menciita Restadejo.

*L. K. K.*

La programo de la Kongreso estas ja alloga; krom la Laborkunsidoj, Interkona Vespero, solenaj Malfermo kaj Fermo de la Kongreso, okazos Prelegoj, Oratora konkurso, Sporta konkurso, Oficiala Akcepto en la Urbodomo, Balo, Ekskursoj, ktp.

Sendu tuj vian aliĝilon al S-ro. Salvador Aragay, str. Arce 8-2-4 CORNELLA (Barcelona) Hispanujo. Samtempe sendu vian kotizon al Banco Central, Plaza de Cataluña 23, Barcelona - España. Para abonar a CAJA IBERICA DE CREDITO Y AHORRO, SUCURSAL URBANA NUM. 3. CORNELLA DE LLOBREGAT. Salvador Aragay, Cta. 121.



Jen H.E.F. JUNULARA RESTADEJO ESPERANTISTA H.E.J.S., inaŭgurota la 30an de julio.

## LA JARO DE LA HOMAJ RAJTOJ

En la Esperanto-Fako de la Klubo de UNESKO-Amikoj, el Barcelono, la 17an februaran prelegis en Esperanto Prof. Jozefo Anglada pri «Homaj Rajtoj kaj Socia Scienco».

Nun, pro la deklarita «Jaro de Homaj Rajtoj», dudeka datreveno post la UNO-Deklaracio, tre ĝustatempa estas la temo. Plie, la mencio pri la Socia Scienco, elvokis la penson, ke novaj, nevulgaraj ideoj estas esprimotaj. Kaj ĝuste okazis tio; ĉar la preleginto ne sin limigis je la pli-malpli laŭda pritrakto de la UNO-Deklaracio de la jaro 1948a, kiel oni en tiaj solenoj kutime faras, kaj kies tekston en Esperanto oni disdonis ĉe la prelego. Ankaŭ pritraktis li, kaj presitan en Esperanto disdonis al la ĉeestantoj la broŝureton, «La Vojo al Daŭra Paco kaj Generala Prospero», kiu estas Deklaracio de fundamentaj homaj rajtoj, aprobita en la jaro 1949a ĉe la Sepa Internacia Kongreso por Progresigo de Tervalora Impostado kaj Libera Komerco, kaj kiun oni presigis en ok lingvoj, inter ili Esperanto. Bedaŭrinde, ĉi tiuj fundamentaj rajtoj ne estas troveblaj en la UNO-Deklaracio.

Temante pri novaj konceptoj rilataj al la Socia Scienco, kies elementojn oni devas nepre koni por formi al si klaran ideon pri la graveco de la afero por la internacia kaj la ennacia Paco, estas malfacile en mallonga raporto komprenigi klare la tuton. Tamen, kredeble vekos la intereson de la geesperantistoj la programo de tiu elstara prelego. Jen ĝia enhavo:

1968a, la Jaro de la *Homaj Rajtoj*. Kio estas UNO. Kio estas UNESKO. La Deklaracio de Homaj Rajtoj de UNO (jaro 1948a). La Deklaracio de la Internacia Unuiĝo por Tervalora Impostado kaj Libera Komerco (jaro 1949a). Ĝi bazas sur la Socia Scienco kaj kompletigas la Deklaracio de Homaj Rajtoj de UNO. *Socia Scienco*; ĝiaj ĉefaj branĉoj: Politiko, Ekonomio, Juro, Publika Administrado. La Libera Komerco. La Naturaj Rajtoj: Sekureco, Propreco, Libereco. La Proprecrajto; ĝia graveco kaj ĝia distingo; proprecrajtoj privata kaj publika. Diferenco inter la koncepto de UNO kaj tiu de IUTILK pri la proprecrajtoj publika kaj privata. La Ekonomio Politika laŭ la natura ordo, difinas la riĉaĵon kaj ĝin diferencigas el la tero; kiun ĝi ankaŭ difinas. Plie tiu scienco donas la bazan solvon al la sociaj problemoj. Por la daŭra paco kaj ĝenerala prospero, estas instiginda la pensado kaj studado pri la fundamentaj kaŭzoj de malriĉeco kaj milito, kaj pri kiel ilin forigi. Nur sur sana ekonomia bazo Oriento kaj Okcidento povas akordiĝi.

Al ĉiu interesiĝanto, kiu ĝin petos, la prelegintoj (J. Anglada, Sitjas, 3, Barcelona-1) sendos senpage la broŝureton «La Vojo al Daŭra Paco kaj Generala Prospero», en Esperanto.

*Uneskano*

---

**MARTIN LUTERO KING**, Nobel-Premio de la Paco estis pafmortigita. Lia morto kortuŝis al ĉiuj pacamantoj, kiuj bone komprenas ke pacon oni nur povas atingi pere de amo. Inter tiuj homoj, unuavice, estas la esperantistoj.

La Hispana Esperanto Federacio atestas ĉi tie pri sia kondolenco.

---

## NEKROLOGOJ

### José Ródriguez Ares

El día 5 de abril falleció en Vigo don José Rodríguez Arés ,entusiasta esperantista y propagandista de nuestra lengua e idea.

Descanse en paz nuestro querido amigo y dediquémosle una oración y un recuerdo piadoso.

Para su familia la expresión de nuestro sincero pésame.

### Concepción Caro García

El día 10 de febrero falleció en Sabadell doña Concepción Caro García, madre política de nuestro samideano don José Borda, Presidente del Grupo Local.

Descanse en paz la finada.

Para su familia y especialmente para sus hijos los señores Borda-González, nuestra más sincera condolencia.



# KISOJ

Kisas patrino sian fileton;
Filo kisetas plenĝoje ŝin;
Unu la alian la gefianĉoj;
Interkisiĝas edz' kaj edzin'.

Milde karesas la kis' gepatra;
Sur frunton kisas ava gepar'
Kaj kiam ŝtele sin ŝovas morto,
Tamen por kiso ne estas bar'.

La maro kisas la ŝtonan bordon;
Ŝajne kisadas mar' kun ĉiel';
Kisas la vento, kisas la fajro,
Kaj ĉio kisas por ia cel'.

—Kisoj de koro, kisoj de febro,
Pasiaj kisoj, kisoj kun flam',
Kisoj ĵaluzaj, eternaj kisoj,
Kisoj elvokaj, kisoj de am'!.

Kisis Judaso tute perfida;
Per falsa kiso kondamnis sin;
—Kiso profana! —Kiso profita!
—Tridek moneroj aĉetis lin!

—Kis' de patrino, plej pura kiso!
—Kiel ameme liptuŝas ŝi!!!
Nur tia kiso ja malavara,
Estas la kiso de verpasi'.

*M. de Elezcano*
*(Bilbao)*

---

Ĉu vi rememoras poemeton ANTAŬEN SAMIDEANOJ, publikigita en BOLETIN numero januaro-februaro? Ĝi estas verkita de nia samideano de ĉiuj konata S-ro Elezcano.

Hodiaŭ kun plezuro ni ricevis agrablan sciigon: Samideano el SOFIA (Bulgario) sendis al nia poeto muzikan partituron, kiun verkis por la poemeto. Jam estas por la dua fojo ke S-ro Elezcano ricevas saman surprizon.

Nian gratulon al nia kara samideano!

---

## *DOS PELICULAS EN ESPERANTO*

Se han recibido dos películas sonoras habladas en Esperanto: «FIAT 850», para proyector de 8 mm. y «REENKONTRO KUN FIAT», para proyector de 16 mm.

El envío de las mismas, a los Centros Esperantistas, es totalmente gratis. Dirigirse a: MANUEL ROMERO GOMEZ. Arzobispo Aapaolaza, 32, entlo. A. ZARAGOZA.

## *Ni legis por vi...*

*Reuven Kritz*: *FREŜA MATENO. El la hebrea lingvo tradukis Ota Ginz. Ilustris kaj la kovrilon desegnis Jona Kollmann. Libroj «Pura», Kirjta Mockin, Israelo*, 1967. 11 x 18,5 *cm*. 282 *paĝoj. Prezo*: 24 *steloj afrankite.*

Dum la Universala Kongreso en Roterdamo (1967), mi havis okazon paroli kun 24-jara samideano el Israelo, kiu partoprenis la militon de junio 1967 kiel maristo; li komandis armitan ŝipeton, kies militaj subuloj estis israelanoj naskiĝintaj en Egiptujo. Sed mia juna amiko estis blondulo, probable sabro* el nordeŭropaj praulој. Ni interparolis dum halto en restoracio, kiam mi kontraŭis francan komunistinon, kiu arde pledis la poraraban politikon oficialan de la kremluloj. Ĉar dum la Internacia Somera Universitato mi prelegis pri la prakanariaj judoj, mia ĵusa amiko, kiu ĉeestis, min dankis, kaj dum nia konversacio li eldiris, ke en Israelo estas du same obstinaj konvinkoj, kun kiuj dialogi estas preskaŭ senespere, nome la ortodoksaj judoj kaj la komunistoj. Li aldonis, ke li ne volas esti nomata *judo*, sed *israelano*, ĉar li estas ateisto kaj socialisto.

Dum la sama somero 1967, unu mia amiko katolika hebreisto, informis min en Zaragozo, ke li restis ok monatojn en kibuco, por praktiki kaj plifirmigi sian konon de la hebrea lingvo; tiu kibuco havis ĉirkaŭ 300 membrojn, kiuj senescepte estis ateistoj. Sed mia honesta amiko nur povis laŭdegi ilin, ĉar, estante klera kaj serioza katoliko, li povis konstati, ke neniam antaŭe li trovis tiom da respondecosento, tiom da amika komprenemo kaj simpatio al honestuloj, kiel en tiu kibuco.

Se nun oni volas kompreni, kial klera hispana katoliko estas admiranto de la israelaj kibucoj, kaj kial sabro povas esti ateisto kaj socialisto, ĝis nun mi ne povis trovi pli adekvatan respondon, pli taŭgan rimedon, ol rekomendi al miaj esperantistaj amikoj legi la libron de Reuven Kritz. Nur edukado povas tiel efike transformi homojn, ke ili tuj adaptiĝu, kun plena kapablo ekspluati lokajn cirkonstancojn. Kaj dum la legado de la libro de Kritz mi kunvojaĝis al tiu unika sperto, kiun praktikas la kibucoj. Probable ekzistas aliaj libroj, kiuj pli tede formale raportas pri kibucoj, sed neniam ĝis nun mi legis verkon, kiu onin enprofundigu tiel elokvente en la kernon mem, en la spiritan forĝadon de la kibucanoj.

Malgraŭ mia troa streĉiteco lastatempa, mi ne povis forlasi la libron, kiam mi eklegis ĝin; kiam mi revenis al ĝi, en marto 1968, por ĝin recenzi, tiu relego estis nur ravovojaĝo. Mi ne ripetos al vi, pri kio temas, ĉar certe vi jam havis okazon legi plurajn recenzojn, el kiuj la plimulto nur gurdadis banalaĵojn, dum kelkaj eĉ klopodis pilorii neekzistantajn lingvajn tuberojn de la traduko. Kelkfoje mi ne scias, kio estas pli lamentinda: ĉu la diletanta ĝoja memsufiĉeco de niaj gazetredaktantoj, ĉu la nanaj amatoraĵoj de niaj «lingvologoj», kiuj ĉefbonzece dekretas pri la boneco aŭ malboneco de normalaj —kaj foje prifierindaj— akiroj de niaj verkistoj.

Nun estas al mi multe pli klara la kaŭzo, kial la israelanoj venkis en la junia milito de 1967: homoj, kiuj edukiĝas en kibuca spirito, konsistigas unikaĵon, kies similon eble oni povus trovi en esceptaj historiaj malgrandaj komunumoj, sed nenie landkadre kaj vaste, kiel en Israelo. Temas ja pri superfamilio, kie la tradiciaj sociaj sistemoj kapitalismo kaj komunismo estas kunfanditaj en racian familiecan agordon, kiun la libro de Reuve Kritz beletre ĉiĉeronas.

Sed la recenzata libro estas verko de samideano Ginz. Mi devas do aldoni, por esperantista publiko, ke Ginz sciis plenumi, en plej internacia, kristale pura lingvaĵo, sian nefacilan tradukan taskon. Estus stulte pretendi, ke Esperanto aperu ĉie en plej asepsa formo, kvazaŭ talentaj tradukistoj estus tradukmaŝinoj kaj rezignus sian propran stilon, sian koloron, sian lingvan registron kaj alporti al la Esperanta komunumo sian beletran tembron. Kiam mi legis unue la libron, aŭtune 1967, mi sendis senkompromisan laŭdan dankon al amiko Ginz. Estas al mi aparte agrable tion publike ripeti.

Restas al mi formuli esperon. Post la milito de junio 1967, arabaj kaj judaj policistoj kunlabore reguligas la trafikon de Jerusalemo. Espereble la kibuca spirito, kiun Kritz hebree kaj Ginz Esperante tiel bone elvortigis, povos fariĝi komuna spirito inter ambaŭ israelaj komunumoj, tiel, ke ne plu araboj kaj judoj, sed egalrajtaj israelanoj povu, en siaj respektivaj lingvoj, interŝanĝi la

samoriginan pacsaluton: *salam* kaj *ŝalom*. Tiel plenumiĝos la profunda kaj plej arda deziro de alia granda judo kaj homarano, nome Zamenhof, dank' al kies iniciato kaj streboj *Freŝa mateno* povas nun esti legata en tutplaneda vasto.

---

* *Sabro*: Israela indiĝeno.

*J. Régulo*

*Konversacia Esperanto-Kurso, de D-ro Szilagyi. Dansk Esperanto - Forlag - Aabyhoj. Formato 22 x 15 cm., 68 paĝoj kun multaj bildoj. Prezo 80 Ptoj.*

Tiu ĵus represita lernolibro aperis antaŭ 30 jaroj. Tra 15 lecionoj kaj unu lasta, la fame konata kaj kompetenta D-ro Szilagyi prezentas iom la lingvoelementojn per ekzemploj klaraj, korektaj kaj spritaj, kiuj tial vigligas la intereson de la lernanto.

Simple faritaj bildoj, sed plenesprimaj, komprenigas pli ol tuta parolado. Vidu la mienon de «La rigardema vilaĝano», tiun de «La energia bopatrino» aŭ tiun de Adamson pri la vorto «manĝinta»!

La libro instruas amuzante kaj povas esti uzata por kursoj (kun iom da instruista helpo). Oni ne forgesu ke la longaj gramatikaj eksplikoj plej ofte nur konfuzas la ne tre klerigitajn homojn.

Mi estas certa, ke post tri monatoj, per tiu rekta metodo memorkapablaj lernantoj povas paroli la lingvon. Al neperfektaj esperantistoj ĝi estus utilega por flua parolo se ili *laŭte* legus ĉion senescepte, precipe la demandojn, kaj ankaŭ *laŭte* prirespondus ilin: jes, de la unua paĝo ĝis la lasta, plurfoje! Provu!

Libro zorge presita, sen preseraroj. En la ciferlisto mankas la NULO. Nun oni diras PRIMUSO anstataŭ *kuirilo*, kaj ni preferus «sidas SUR benkoj» anst. «sidas EN benkoj» Fine, al tiuj personoj, kiuj ŝatas vojaĝi inter la tempoj kaj ofte nur tretadas samloke, mi rekomendas la frazeton el paĝo 33: «Ĉu morgaŭ estAS vendredo»?

*Salvador Gumá*

*LA MIRINDA ELIKSIRO, novelaro esperante verkita de Johan Hammond Rosbach. Enkonduko de D-ro Ferenc Szilágyi. Kontrolita de la Literatura Komitato de SAT. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Abyhoj.* 1968. 100 *paĝoj.* 21 x 15 *cm. Prezo* 100 *Ptoj.*

Kiam oni legas esperantan verkon kaj legas ĝin tute senpene, flue, nature, kvazaŭ el propra gepatra lingvo, tio montras ke ĝi sekvas la nepran kondiĉon kiun devas havi ĉiu literatura esperantaĵo.

Por mi, persone, la unua kaj ĉefa esperanta regulo estas klareco. Nenio duba, nenia ebla miskompreno povas esti akceptata kiam ĝi rilatas al nia helpa lingvo, kies legantoj apartenas al la tuta mondo kun tiom da apartaj naciaj idiotismoj, tiel diferencaj.

En «La mirinda eliksiro», J. H. Rosbach, per eleganta stilo, noveligas siajn spertojn aŭ imagaĵojn kun la malfacila simpleco de granda verkisto. Li, vere, ja ne estas novulo en tiaj bataloj kaj, sia plenaĝeco kaj kapablo, krom «Bagatelaro», «Homoj kaj riveroj» kaj nun «La mirinda eliksiro» povas doni ankoraŭ, al la legema esperantistaro, plurajn verkojn, kiel liaj talento kaj meritoj promesas.

Tiu ĉi lasta novelaro konsistas el dekkvar rakontoj kaj, kiel diras la eldonisto, «eĉ relative novaj esperantistoj povas ĝin legi sen peno».

Ĉu seriozaj, ĉu amuzaj, ĉiu el la dekkvar noveloj impresas kvazaŭ travivaĵoj, amike rakontataj en rondeto. Sed, konsiderante ilin pli funde, oni konstatas ilian filozofadon pri la relativeco de feliĉo, homa digno kaj sociaj konvencioj.
Certe, oni des pli interesiĝas pri ĝi, ju pli oni progresas en la legado de la verko, kio estas sufiĉa rekomendo.

*J. Devís*

IMPULSO. — Oficiala Organo de B.E.J.O., trimonata, Redaktoro Roberto P. Nogueira.

Tiu ĉi okpaĝa broŝuro estas la unua numero de la Organo de B.E.J.O. (Brazila Esperantista Junulara Organizo), ĝi estas interesa kaj bone prezentita. Sur la unua paĝo kaj sub titolo «La Deklaro de Santos-Dumont aperas Deklaro de la fondintoj de la organizaĵo. Al ĉiuj ni deziras gradan sukceson en ilia laboro.

BONVENON EN DISTRIKTO LIPTOV! — Ĉeĥoslovakio, Plurkolora turisma broŝuro bele prezentita en Esperanto. Ĝin eldonis Slovtour kunlabore kun Esperanto-rondeto.

MONDMAPO. — Laŭ decido de Internacia Komisiono por Ordigo de Geografiaj Nomoj. Redaktis Lic. Tibor Sekelj. Eldonis Instituto por Oficialigo de Esperanto. 1968 jaro. Eldonkvanto 5000. Prezo 1 usona dolaro aŭ egalvaloro.

Unua numero de NOVAĴOJ, novaĵbulteno eldonita de TEJO. Ĝin redaktas la Ĝenerala Sekretario de TEJO, Humphrey Tonkin.

LA MONDPERCEPTO DE LA MODERNAJ NATURSCIENCOJ. — Bibliografiaj notoj: Formato 13,5 x 21 cm, 170 paĝoj, broŝurita, kun ilustraĵoj, Eldonejo Ludwig Pickel, Nŭrnberg, 1967. Prezo 9,60 GM plus afranko, aŭ egalvaloro.

---

Ĉiuj verkoj ĉi tie recenzitaj aŭ menciitaj estas aĉeteblaj en Libroservo de H.E.F.

# DIVERSAĴOJ

## *SABADELL-A ESPERANTA CENTRO*

S-ro José Borda, Prezidanto de la Sabadell-a Esperanta Grupo faksekcio de la Sabadell-a Kooperativo, sciigas al ni ke la dirita Grupo estas reorganizita kaj de nun ĝi estas asocio enskribita kiel tia en la Provinca Asociregistro, Unua Sekcio, je la nomo «Centro de Esperanto Sabadell» (Esperanta Centro Sabadell).

Ni gratulas la Sabadell-ajn esperantistojn kaj samtempe ni sciigas pri tio la ceterajn Grupojn por ke ili atentu pri ĉi tiu nomŝanĝo kiam ili sin turnos al la Sabadell-a Grupo.

---

## *La Kvardek-sepa Ĉiujara Bonvol-Mesaĵo de la Junularo de Kimrujo, al la Junularo de la Mondo, brodkastota je la Tago de Bonvolo, la 18a de majo 1968*

Jen Kimrujo! Salutojn de la geknaboj de Kimrujo al la geknaboj de la Mondo je la Tago de Bonvolo en ĉi tiu Jaro de Homaj Rajtoj.

Pli poste en la jaro, gejunuloj el multaj landoj renkontiĝos en Mexico por la Olimpiaj Ludoj. Ni admiras ilian lertecon, persistecon kaj longan disciplinon. Bedaŭrinde, ne ĉiuj iliaj kunjunuloj posedas similajn flekseblajn kaj sanajn korpojn. Milionoj hodiaŭ suferas pro malsato kaj malsano, kaŭzitaj de malkonsento kaj milito.

Kvindek jaroj jam pasis de kiam pafiĝis la lasta kuglo en la unua Mondmilito. Tamen ne ekzistas paco en nia mondo. Ni do, la junularo de nia generacio, ĵurigu nin, forĵeti militon kaj penadu krei novan mondon, mondon kie la junularo estas vigla kaj forta; mondon kiu akceptas la Rajtojn de Homo kaj de Nacioj; mondon kun espero de estonteco anstataŭ de malespero kaj morto.

Al ĉi tiu, ni, la geknaboj de Kimrujo dediĉas nin. Ĉu vi eltendos vian manon, tiel ke, kune, ni faros rondon de pacamantoj ĉirkaŭ la mondo?

---

Por memori la 51-an datrevenon de la morto de D-ro. Zamenhof, okazinta la 14-an de aprilo 1917, nia samideano S-ro. Julio Osuna Fajardo de Hispana Esperanto Aŭroro, parolis en Radio Nacional de España, glosante la figuron de la kreinto de Esperanto.

La parolado de S-ro. Osuna estis disaŭdigita la 15-an de aprilo, pro neebleco dissendi ĝin la 14-an kaŭze de la programoj de la Sankta Semajno.

# UNESKO-NOVAĴOJ

## *JUNULARA FOTO-KONKURSO OKAZE DE LA JARO DE HOMAJ RAJTOJ*

En Kolonjo okazos de 28 septembro ĝis 6 oktobro 1968, okaze de la Internacia Jaro de la Homaj Rajtoj, tutmonda ekspozicio de verkoj de junaj fotografistoj. Organizas ĝin la Germana Nacia Komisiono por Unesko, kunlabore kun la Monda Junular-Asembleo (WAY), la Internacia Federacio de Fotografia Arto kaj la Internacia Foto-Ekspozicio «Photokina».

La konkursaĵoj povas rilati al kiu ajn aspekto de la ĝenerala temo «Homaj Rajtoj»: ekz. familia vivo, patrino kaj infano, lernejo kaj universitato, laboro kaj profesio, sporto kaj distriĝo, raso, religio, sociaj problemoj ktp. La aĝolimo estas fiksita je 25 jaroj. La konkursaĵojn (formato 18 x 24 cm) oni sendu al Photokina, D-5 Köln-Deutz, Messeplatz. Limdato: 30 aprilo. Similan foto-konkurson organizas UEA okaze de la 53-a Universala Kongreso de Esperanto en Madrid.

## *TRADUKADO EN 1966*

La plej nova —19-a— eldono de *Index Translationum* (Unesko, Parizo, S 32) montras, ke Soveta Unio restas la lando, kiu eldonas ĉiujare plej multe da tradukoj en 1966: 3.968 titoloj. Sekvas Jugoslavio (3.452) kaj Germanujo (3.095). En 1966 aperis 197 tradukoj de la Biblio. Lenin (201) restis la aŭtoro plej tradukata. Sekvis lin Georges Simenon (137) kaj Tolstoj (122).

## *LIBRO-ELDONADO EN AFRIKO*

Fakuloj el 23 afrikaj landoj akceptis programon por la evoluigo de libro-eldonado en Afriko, rezulte de 6-taga konferenco de Unesko en Accra, Gano. Oni taksis, ke necesos ĉiujara kresko de 12,2 %, por ke la produktado de libroj atingu ĝis la jaro 1980 la amplekson bezonatan por lernejoj kaj por ĝenerala legado. Nuntempe la manko de libroj estas kriza. Aperas ĉiujare nur po 6 novaj titoloj por ĉiu miliono da afrikanoj, kompare kun 418 por ĉiu miliono en Eŭropo. Pluraj afrikaj landoj tute ne eldonas librojn ankoraŭ, kaj nur 9 el ili produktas librojn en siaj propraj indiĝenaj lingvoj.

## *KOSMA VORTARO*

La Ŝtata Universitato de Oregon, Usono, preparas vortareton pri kosmonaŭtiko, kun 600 ciftaj terminoj. La preparon komisiis NASA (Nacia Aeronaŭtika kaj Kosmonaŭtika Administracio), kiu ankaŭ ilustros kaj eldonos la vortareton. La difinoj estos tiel redaktitaj, ke eĉ infano povos kompreni ilin, kaj la tutan tekston oni prove uzos en ses lernejoj de Oregon antaŭ la fina publikigo.

## *EKSPEDICIO EN KENJA DEZERTO*

Ok britaj sciencistoj, sub gvido de d-ro Michael Gwynne (Universitato de Oksfordo) intencas esplori la senhoman Sud-Turkanan regionon en nord-okcidenta Kenjo. La ekspedicio ampleksos, dum trijara daŭro, pli ol 10.000 km² (4.000 m²) da dezerto kaj duon-dezerto sude kaj okcidente de la lago Rudolf, fama pro la birdaro, gigantaj testudoj kaj krokodiloj. Malgraŭ ĝia malamika karaktero, oni opinias, ke la Sud-Turkana regiono estas evoluigebla. Oni do taksos ĝian biologian produkto-potencialon per esploroj pri la humo, flaŭro, geologio kaj hidrologio de la tereno.

## *UNESKO BATALAS KONTRAŬ DOGAN-IMPOSTOJ*

Dank' al Unesko, lernantoj, instruistoj kaj sciencistoj en multaj landoj devus jam ĉi-jare profiti el malaltigitaj prezoj por libroj, diskoj, artaĵoj kaj sciencaj aparatoj.

Kunveno de oficialaj reprezentantoj de 68 ŝtatoj, en Ĝenevo, lastatempe rekomendis vastan aplikadon de du Konvencioj de Unesko pri la forigo de dogan-impostoj je la importo de tiaj artikloj. La specialaj kondiĉoj aplikiĝos same tiel al sonbendoj, kiel al sondiskoj. La interkonsentoj rilatas ankaŭ al aliaj aŭd-vidaj helpiloj, ĵurnaloj, revuoj kaj artikloj por blinduloj. — (Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de UEA.)




# 53ª Universala Kongreso de Esperanto

Okazonta en Madrid de la 3ª ĝis la 10ª, VIII, 1968
Sub la Alta Protektado de Lia Ekscelenca Moŝto
Ĉefgeneralo Franco, Ŝtatestro de Hispanujo


Konstanta adreso:
Nieuwe Binnenweg 176
ROTTERDAM - 2 (Nederlando)

Poŝtkesto 19039
MADRID (Hispanujo)


## Ĝeneralaj Informoj

Rotterdam, la 17-an de aprilo 1968.

*Loĝado.* — Mendoj por loĝado en Madrid devas atingi la adreson de la Kongreso antaŭ la 15-a de majo 1968. Post tiu dato la Loĝiga Servo ne plu povos garantii la rezervon de litoj.

*Kongresejo.* — La Kongresejo, «Domo de la Sindikatoj», situas tute centre en Madrid, vidalvide al la granda muzeo «El Prado» kaj estas facile atingebla per subtera fervojo el ĉiuj partoj de la urbo.

*Arta Festivalo.* — En la kadro de la Arta Festivalo okazos teatraj prezentadoj fare de Internacia Arta Teatro kaj Bulgara Esperanto-Teatro. Okazos ankaŭ muzikaj prezentadoj kun la partopreno de artistoj el pluraj landoj.

*Foto-Konkurso.* — Ni atentigas ke la 1a de julio 1968 estas la limdato por sendo de la konkursaĵoj. Kiel temon oni rajtas elekti kiun ajn citaĵon el la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj (unuopaj ekz. senpage riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso).

*Broŝuro de RENFE.* — Kvardekpaĝa ilustrita broŝuro de la hispana fervojo, «Vojaĝi tra Hispanio estas facile», estas ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso kontraŭ pago de la sendkostoj (minimume unu respondkupono).

*Limdato.* — Ni atentigas ke la limdato por aliĝo al la 53-a U. K. estas fiksita je la 25.ª de junio 1968. Aliĝoj post tiu ĉi dato estos akceptitaj nur en esceptaj kazoj kaj kontraŭ ekstra pago de 25,— ned. gld.

*Statistiko* (je 16-4-1968). — Arg. 1, Aŭstral. 5, Aŭstr. 10, Belg. 33, Braz. 5, Brit. 88, Bulg. 45, Ĉeĥ. 14, Danl. 19, Finnl. 23, Franc. 184, Germ. 46, Grek. 8, Hisp. 270, Hongkongo 2, Hung. 16, Isl. 2, Isr. 6, Ital. 67, Jap. 17, Jug. 231, Kan. 3, Koreujo 2, Meks. 2, Monako 4, Ned. 48, Norv. 14, Nov-Zel. 3, Poll. 27, Port. 18, Sovet. 1, Sved. 34, Svis. 10, Tunisio 1, UAR 1, Urugv. 1, Usono 29. Entute 1290 aliĝintoj el 37 landoj.

*Konstanta Kongreso Sekretario*
*G. G. Pompilio,*